


*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIª, XVII.)
CAMOENS

**6a jaro** **Junio 1936** **N-ro 60**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA
CHINCHILLA, N.° 2

*Redakcio kaj Administracio :*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

*Los giros a* D. BENITO ANGUIANO, *Paseo de Extremadura, 74.*

## Mi devas rememori ke...

—...*ĝis la fino de junio mi povas aliĝi al la XXVIIIª kongreso kun* 10 % *de rabato.*

—...*ironte Vienon mi povas viziti Bernon. Do, mi petos la gvidfolion anoncitan sur ĉi-tiu numero.*

—...*la 3-an de junio komencos la XIª Nacia Kongreso de Esperanto. Mia devo estas iri en Barcelonon.*

## RESUMEN DEL ACTA LXXVI DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la reunión celebrada el 11 de mayo de 1936, se tomaron por unanimidad los acuerdos siguientes:

1.° Aprobar el acta de la sesión anterior.

2.° Nombrar una Comisión formada por los Sres. Azorín, Marauri, San Antonio y Redondo que visite al Excmo. Sr. Presidente de la República para ofrecerle la presidencia honoraria del Congreso de Barcelona.

3.° Acuñar siete medallas de plata sobredorada para ofrecérselas a varias personalidades de Madrid y Barcelona, principalmente a quienes acepten las presidencias y vicepresidencias honorarias del Congreso.

4.° Aprobar el orden del día de los asuntos que han de tratarse en el Congreso, y que se enumeran en otro lugar del presente número.

5.° Aprobar el programa del Congreso, en la forma en que se publica en este número.

6.° Que el vicesecretario D. Jacinto Martín asista al Congreso para facilitar en el mismo la tarea de los demás directivos en la sesión o sesiones en que se traten los asuntos que figuran en el orden del día. Tendrá derecho a viáticos y dietas.

7.° Comprar cuatrocientas claves de Esperanto, edición vasca, para su reventa o distribución.

8.° Se examinó el proyecto del señor Scherer relativo a hacer un viaje de propaganda por varios países. Se acordó que si pasa por Madrid se le den toda clase de facilidades y auxilios para su propaganda, e informarse, antes de contestarle, si en otras poblaciones de España, donde haya grandes núcleos de esperantistas, puede contar con análogas facilidades.

9.° Volver a reunirse el jueves 14, a la misma hora, para tratar los demás asuntos que quedan pendientes.

El secretario, *Fernando Redondo.*

---

## XIª NACIA KONGRESO DE ESPERANTO

### ORDEN DEL DIA DE LOS ASUNTOS A TRATAR

1.° Aprobación de las actas de la Asamblea de Delegados celebrada en Madrid el día 24 de febrero de 1935.

2.° Memoria de los trabajos realizados desde la fecha de la citada Asamblea.

3.° Examen de las cuentas de H. E. A.
4.° Proposición presentada por D. Filiberto García Hurtado, de Sueca, en la que se solicita la elevación de cuota.
5.° Proposición presentada por D. Juan Régulo Pérez, de Santa Cruz de la Palma, sobre organización de concursos literarios.
6.° Renovación de cargos en la Directiva. Deben ser renovados o reelegidos el bibliotecario, vicetesorero y secretario, que llevan más de dos años en sus cargos.
7.° Ruegos y preguntas.

* * *

*Novaj aliĝintoj.*—Gesinjoroj: Manuel Jover Martí, Pascuala Fernández Félez, Amparo Labrador, Pepita Sobrequés kaj José Tarrés, el Barcelona; Justo del Campo, el Gijón; Vicente Hernández, el Sabadell; Julián Loyola, el Logroño; Luis Campos, el Mahón; Fernando Soler Valls kaj Visitación Martín Gómez, el Madrid; Miguel Carreras Pérez, el Fuentes de Nava (Palencia); Francisco Máñez Sánchez, el Cheste (Valencia); Ernesto E. Yelland, el Alicante; Rafael Durán González, el Málaga.

Sociedad Esperantista Gaditana, el Cádiz; Esperanta Grupo Córdoba; Grupo Esperantista Bilbao; Grupo Esperantista, el Torrelavega (Santander); Ateneo Popular, el Santander.

La Loka Organiza Komitato decidis senpagan kotizon por blinduloj, kaj 2-pesetan kotizon por gejunuloj malpli ol 14-jaraj.

* * *

Oni atingis rabaton de la fervojaj kompanioj. Sekve, jen la kosto de la vojaĝo per vagonaro (3ª klasa vagono) al Barcelono (iro kaj reveno):

| | PESETOJ |
|---|---|
| Córdoba (vía Alcázar-Tarragona) | 103,30 |
| Coruña (vía Miranda-Lérida) | 137,50 |
| Cheste | 41,55 |
| Gijón (vía Miranda-Lérida) | 112,90 |
| Lérida | 19,05 |
| Logroño (vía Lérida) | 56,90 |
| Madrid | 72,00 |
| Oviedo (vía Miranda-Lérida) | 108,25 |
| Santander (vía Miranda-Lérida) | 103,95 |
| Sevilla (vía Alcázar-Tarragona) | 117,80 |
| Valencia | 38,75 |
| Zaragoza (vía Caspe) | 36,40 |

# PROGRAMO

## de la XIª Hispana Esperanto Kongreso

*Merkredo 3ª de junio de 1936:*

Je la 9 ¹/₂, Solena Malferma Kunsido.
Je la 11ª, Vizito al la Urbodomo, Ĝeneralregistaro, Katedralo, Palaco de la Barcelonaj Grafoj (Arĥivo de la Aragona Krono).
Je la 3 ¹/₂ posttagmeze. Parko de la Citadelo, Kataluna Parlamentejo, Zoologia Muzeo, Zoologia Kolekto.
Je la 9ª vespere, Trama ekskurso, Granja Royal.

*Jaŭdo 4ª de junio:*

Je la 9 ¹/₂: Unua Laborkunsido.
Vizito al la Parko de Montjuich. Nacia Palaco, Arĥeologia Muzeo. Hispana Vilaĝo.
Je la 3ª posttagmeze: Vizito al la Templo de la Sankta Familio.
Je la 4ª posttagmeze: Vizito al la Bierfabriko DAMM.
Je la 10ª vespere: Grava kultura Esperanto-festo. (Vidu pli malsupren programon detalan).

*Vendredo 5ª de junio:*

Je la 9 ¹/₂: Dua laborkunsido.
Je la 11ª: Vizito al la Haveno.
Je la 3ª posttagmeze: Ekskurso al la Monto Tibidabo.
Je la 9 ¹/₂ vespere: Tria laborkunsido kaj vizito al la Esperanta Ekspozicio.

*Sabato 6ª de junio:*

Tuttaga Ekskurso al Montserrat.

*Dimanĉo 7ª de junio:*

Je la 10 ¹/₂: Vizito al la Borso (Komerca Ĉambro).
Je la 11ª: Vizito al la Lerneja Grupo «Milà i Fontanals».
Je la 12ª: Oferi Bukedon homaĝe ĉe la monumento al Pi y Margall, konvinkita defendanto kaj apologianto de nia internacia lingvo.
Je la 1ª posttagmeze: «Sardanoj», Citadela Parko.
Je la 3 ¹/₂ posttagmeze: Solena Ferma Kunsido. Vizito al Romanida Preĝejo de Sankta Paŭlo de l'Kampo, Montjuich, Hispana Vilaĝo. Vespermanĝo. Vizito al Lumaj Fontanoj.

*Lundo 8ª de junio* :

Promenadoj tra la urbo, Vizitoj al Parko Güell, kaj Industria Lernejo.

Je la 7 ½ vespere : Eliro per vaporŝipo al Mallorca (Majorko).

**Noto.**—Dimanĉo 7-an je la 9ª kaj duono, oni preĝos meson en Sankta Mario, kun prediko en Esperanto. Je tia horo nenia numero de la programo estas, por ebligi la ĉeeston de la samideanoj, kiuj volos iri tien.

* * *

**Grava Kultura Esperanto-festo. Jaŭdon, la 4-an de junio, je la 10ª vespere.**—Aŭskultinda parolado de fervora samideano S-ro Julio Mangada Rosenörn pri la temo «Esperanto kaj popolkantoj», en hispana lingvo.

*Popolaj kantaĵoj en Esperanto,* prezentataj de eminenta kataluna kantistino *Andreua Fornells* kaj aplaŭdita baritono Joan Sayós, akompanataj de kompetenta pianistino Concepció Raduá. Partoprenos ankaŭ la konata rapsodo Francesc Vilá.

Tekstoj de Kantoj deklamataj de S-ro Vilá (antaŭ ĉiu kanto, li deklamos hispane ties tekston) kaj kantataj de Andreua Fornells kaj Joan Sayós :

I. Sur la kampo rosoj brilis (hungara).
II. Paŭlo brava, Petro brava (hungara).
III. Katerino (franca).
IV. Kanto de l' mantamburisto (galicia).
V. Mi ŝin vidis (astura).
VI. Granda danco (el León).
VII. Mi ŝin vidis ploranta (el Santander).
VIII. Kanto de montaro (el Avila).
IX. La Pomarbo (vaska).
X. Kanto de riverbordano (el Salamanka).
XI. Kanto de l' tagiĝo (aragona).
XII. Malsana pro amo (baleara).
XIII. Bona ĉasisto (kataluna).
XIV. La Luno (kataluna).

---

Esperantista respondo :

—Kiel la homoj devas sin saluti? Ĉu per la mano malfermita aŭ per la mano fermita, tio estas, per la pugno?

—Per la koro malfermita.

## LA XXVIII^a KONGRESO EN VIENO

Por iri al la kongreso oni organizis kelkajn karavanojn. Unu el ili, tiu de la Societo por propagando de Esperanto en Francujo (P. Petit, 59, rue de Neuilly, Rosny-sous-Bois, Seine).

Loka kongresa komitato ĵus eldonis 4-paĝan detalan kongresprogramon, kiun por propagandaj celoj ĝi dissendis en dezirata kvanto al la karavanestroj, Esperanto-organizoj kaj ceteraj interesuloj.

La profesora kolegio de la Teknika Altlernejo en Vieno ĵus nomis doktoron Sirk lektoro de Esperanto por la dirita instituto D-ro Sirk komencis je la fino de aprilo prelegojn pri Esperanto, diskonigitajn per radio kaj gazetaro unuavice por studentoj de la «Tekniko», kaj duavice por eksteruloj-gastoj.

La teatraĵo de la 28^a estos la ĉarma opereto «La blanka ĉevaleto» esperante tradukita de samideano Nikolao Hovorka. La preparoj por prezentado de tiu verko de la aŭstria bonhumoro kaj serena gajeco (kiu estis jam ĉie tre aplaŭdata kaj filmigata) multe progresas.

---

**PRI LA KALENDARO**

## LA SEPTAGA SEMAJNO

Kristanoj, mahometanoj, hindoj, judoj, k. c., havas malsaman kalendaron. Tamen, ĉiuj havas *semajnon*; por ĉiuj la semajno estas *septaga*; por ĉiuj la unua tago estas *dimanĉo* kaj por ĉiuj dimanĉo estas samtempe, kvazaŭ estus pratempa kunveno por ke tio okazu.

Ne pensu ke oni serĉis la respondajn nomojn de la unua tago de la semajno de ĉiuj popoloj kaj oni tradukis tiujn nomojn per la vorto *dimanĉo,* ĉar estas kuriozaj hazardoj (ĉu hazardoj?) pruvante la kontraŭon.

Ekzemple, portugale kaj arabe *lundo* estas *dua tago*; *mardo, tria tago*; k. c. Ĉe la antikvaj romanoj la tagoj de la semajno estis dediĉataj al la suno, la luno kaj kvin planedoj. La unua tago estis dediĉata al la suno, kaj poste al la Sinjoro (latine, *dominus*), tial ĝia nomo estas en latindevenaj lingvoj vorto simila al *dimanĉo*. Tamen en angla, germana, skandinavaj kaj aliaj nordaj lingvoj ĝi estas ankoraŭ *suna tago*. Hindaj lingvoj montras ankaŭ tiun-ĉi kuriozan similecon.

La septaga semajno estas, do, laŭ sia daŭro kaj laŭ la nomoj de la tagoj, la plej internacia tempomezuro.

Tamen... estas esceptoj. Foje, en la nuna epoko la semajno nur havas ses tagojn; foje ĝi havas ok. Sed ni jam pritaktos tion sur la venonta numero.

## EL ESPERANTISTA GAZETARO

**Kion signifas milito?**—La usona parlamento antaŭ nelonge publikigis oficialan statistikon pri la materialaj perdoj, kiujn kaŭzis la pasinta milito. Por pli facila kompreno oni faris en tiu statistiko komparojn pri la respektivaj valoroj.

Oni elkalkulis, ke la mondmilito detruis materialojn je valoro de 400 miliardoj da dolaroj. Per ĉi tiu sumo oni estus povinta konstruigi domon por ĉiu familio en Usono, Kanadio, Anglio, Irlando, Aŭstralio, Francio, Belgio, Germanio kaj Rusio je valoro de 2.500 dolaroj, ekipi ĝin per meblaro je valoro de 1.000 dolaroj kaj ĝin cirkaŭi per 2.000 kvadratmetroj da grundo je valoro de 100 dolaroj. Tiam ankoraŭ restus sufiĉe, por disponigi bibliotekon al la komunumoj kun pli ol 20.000 loĝantoj el la nomitaj landoj, je valoro de 5 milionoj da dolaroj kaj universitaton je valoro de 10 milionoj da dolaroj. Kaj se ĉiuj ĉi sumoj estus elspezitaj, la resto ankoraŭ sufiĉus por aĉeti la tutan Francion kaj la tutan Belgion. Tio signifas, ĉion tion, kio troviĝas en ambaŭ landoj de kampoj, domoj, fabrikoj, preĝejoj, vojoj, fervojoj, ktp., ktp.

Tio estas la milito! Aŭ pli ĝuste, nur unu flanko de la milito, nome, la ekonomia.

(*El «Sennaciulo», aprilo* 1936).

---

## SIRINGOJ! SIRINGOJ!

*Florsimbolo:* UNUA AMEMOCIO.

Freŝa siring' ornamanta
mian tablon dum labor',
ho, kiom da rememoroj
vekas en mi via flor'!

Lancojn formas la folioj
kaj krucetojn la petal',
krucetoj de Fastotempo,
etaj lancoj de batal'.

Vin vidante, mi la scenojn
infantempajn revas tuj
kiam lerte mi surgrimpis
al maljuna siringuj'.

Kaj sub kiso de la suno,
meze de flor' kaj foli'
ravis min la nekonata
«Unua amemoci'».

Mi nek grimpas plu sur l' arbon
nek sopiras antaŭ viv';
sed de juna tempo estas
via parfum' elvokiv'.

Kaj, laŭ dum la dolĉaj jaroj
jam pasintaj pro domaĝ',
kantas vi pri am' kaj revoj
kaj printempo kaj junaĝ'.

*Originale verkis:* A. N. D.

---

## PENSOJ DE FERMIN GALAN

Kondutu tiamaniere ke via kutima agado neniel ĝenu la liberon de la aliuloj. (Bremsu la egoismon de via individua instinkto.)

Identiĝu kun la libero de la aliuloj, eĉ kontraŭ via propra libero. (Vivu super la malavideco de via socia instinkto.)

Penu ĉiam por ke la realigoj de via vivo disvolviĝu tute laŭ la racia principo de la egaleco. (Reviziu la rolon de viaj instinktoj, pripensante ofte iliajn agojn.)

* * *

Kia ajn estu via nacieco, neniam parolu kiel hispano, germano, anglo, italo, k. t. p..., parolu ĉiam kaj ĉie kiel eŭropano. Se vi apartenas al alia kontinento, neniam parolu kiel ano de tiu aŭ alia nacio, sed de tiu kontinento.

Vidu en la landlimoj nur la interhoman limigon, kiun starigis la barbareco; tra malaperintaj civilizoj ne konsideru la koncernajn popolojn kiel konsistantaj el malsuperaj estuloj; ne vidu en alirazuloj homojn malsamajn al vi; ĉio estas ununura, sama kaj unika UNUO, disigita de la jarcentoj; rigardu ĝin racie; la homoj estas viaj fratoj, kaj ĝi estas la Homaro.

Pensu pri via lando kvazaŭ vi pensus pri via lulilo; pensu pri via kontinento kvazaŭ vi pensus pri via regiono, kaj pensu pri la mondo kvazaŭ vi pensus pri via patrio.

El la verko «Nova Kreado» tradukis

MANUEL SALOM FORNALS

vidu la lastan alineon de la paĝo 9[a]). Fluigi el vazo en vazon, *verŝi*. Rondturni fluidaĵon per bastoneto, *kirli*. Elpreni fluidaĵon per vazo, mano, *ĉerpi*. Malplenigi per la ĉerpado, *elĉerpi*. Entiri ion en io, *absorbi*. Alflui kaj reflui, *fluktui*.

Movi la aeron, *blovi*. Movo de la aero en la atmosfero, *vento*. Forporti per blovo, *forblovi*. Blovo, kiu penetras en ĉambro tra fenestro aŭ pordo, precipe se ĉe la kontraŭa flanko estas malfermata alia fenestro aŭ pordo, *trablovo*.

**Iri.**—Moviĝi de unu loko al alia, *iri*. Iri eksteren, *eliri*; internen, *eniri*; suben, *subiri*, *malsupreniri*; supren, *supreniri*, k. t. p. I. de unu loko al alia, *pasi*. Ĉesi i., *halti*. Rapide i., *kuri*. Kuri post iu por ĝin kapti, *persekuti*. Eksciti al rapida kurado, *peli*. Kaŭzi ke iu iru, *sendi*. I. post iu, *sekvi*. Sekvi unu alian kaj reciproke, *alterni*. Sekvi kun malamika intenco, *persekuti*. Kun peno eniĝi interne de io, *penetri*. I. sur la pintoj de la piedoj, *iri piedpinte*. I. sin trenante sur la ventro, *rampi*. I. torde kaj ondolinie, *serpenti* (ekzemple: «la rivero serpentas»). Malfacile per granda peno supreniri sin helpante de manoj kaj piedoj, *grimpi*. Rapide sin movi levante samtempe ambaŭ piedojn de la loko sur kiu oni staras, kaj ree stariĝante, *salti*. Salto krucante la piedojn en la aero, *kapriolo*. Sin movi malantaŭen, konservante la dorson al tiu direkton, *regresi*. Meti la piedojn unu antaŭ la alia alterne por sin movi sur la tero, *marŝi*, *paŝi*. Interspaco de du piedoj dum la irado, *paŝo*. Perdi la egalpezon farante malĝustan paŝon, *faleti*. Perdi la egalpezon sur glataĵo, *gliti*. Pro manko de subteno aŭ perdo de malpezo, rapide moviĝi de supre teren, aŭ de stare kuŝen, *fali*. Paŝfaleti, duonfali, *stumbli*. Facile moviĝi sur glata supraĵo, *gliti*. Pasi en akvo, en mola substanco, *vadi*. Sin movi sur aŭ en akvo, laŭ vola direkto, *naĝi*. la naĝmaniero, *braso*. Sin movi en aero laŭvole, ne apogante sur io, *flugi*.

I. de unu loko al alia sen difinita celo, *vagi*. I. de unu loko al alia malproksima, *migri*. Migri pro puno aŭ por eviti punon, *ekzili*. I. de unu loko al alia tra aŭ preter io, *pasi*. Moviĝi al loko kie estas la persono kiu parolas, aŭ al loko pli proksima al tiu kie estas la persono kiu parolas, *veni*; moviĝi al pli malproksima loko, *iri*. Sukcesi alveni ĝis ie, *atingi*. Senhalte moviĝi revenante al la punkto de la foriro, *cirkuli* (ankaŭ en figura senco). Kolektiĝi por speciala celo, *kunveni*. Kunveni por diskuti ion, *kunsidi*. Trovi iun irante kontraŭdirekte al li, *renkonti*. Intekonsento laŭ kiu kelkaj personoj renkontiĝas je la sama horo en la sama loko, *rendevuo*. I. por vidi iun hejme, por vidi ion, *viziti*. Ofte venadi, vizitadi, *frekventi*. I. kun iu aŭ kun io, *akompani*. Doni la direkton al iranto, *konduki*. Konduki akompa-

nante, *gvidi*. Flankiri unu de alia, *diverĝi*. Celi al la sama punkto, maldiverĝi, *konverĝi*.

Esti transportata de unu loko al alia, *veturi*. Veturi en aero, sur la maro, per velŝipo, k. c., *aer—*, *mar—*, *velveturi*. Veturi sur la dorso de besto, sur bicikleto, *rajdi*. Piediri, veturi pro plezuro, *promeni*. Promeni sencele, interesiĝante pri stratai bagatelaĵojn, *gapvagi*. I. malproksiman landon, urbon, *vojaĝi*. Vojaĝo kun religia celo al sankta loko, *pilgrimo*; kun scienca aŭ milita celo, *ekspedicio*. Malgranda vojaĝo por plezuro, aŭ por scienca celo, *ekskurso*. Sportoj de la vojaĝoj, *turismo*; sportisto, *turisto*. Vojaĝo kun pentrindaj okazoj, *pitoreska*.

Spaco sur kiu oni sin movas irante de unu loko al alia, *vojo*. Signoj lasitaj de pasinto tie, kie li pasas, *spuro*. Malhelpi la trairon, *bari*. Transversa trabo baranta vojon, *bariero*.

Transporti de unu loko al alia, *komuniki*. Komunikanta rimedo, rimedo de transporto, *komunikaĵo*. Veturanto, kiu uzas publikan rimedon por veturi, *pasaĝero*. Institucio por rapida transporto de malgrandaj pakaĵoj kaj de pasaĝeroj, *poŝto*. Oficiala dokumento atestanta la personecon de ĝia posedanto kaj certiganta la rajton veturi en ian landon, *pasporto*. Surskribo sur pasporto certigante ĝian aŭtentikecon, *vizo*. Aro de kunvojaĝantoj (pilgrimantoj, komercistoj) kun siaj ŝarĝbestoj, *karavano*.

VETURILOJ.—**Movataj de la homo.**—Longa bastono kun flanka piedingo (nomata *bretedo*) por marŝi super la tero, *irilo*. Malgranda veturilo por sin mem transporti per mekanismo movata de la piedoj, *velocipedo, ciklo*. Trirada ciklo, *triciklo*; durada, la antaŭa multe pli granda ol la posta, *biciklo*; durada, kaj ambaŭ radoj egalaj, *bicikleto*. Bicikleto por du personoj, *tandemo*. Ciklo (ĝenerale bicikleto) kun motoro, *motociklo*. Parto de velocipedo inter kies du branĉoj turniĝas rado, *forketo*. Ĉe bicikleto, parto en kiu turniĝas la akso de la krankoj, *pedalaksujo*; objekto almetebla al pedalo por fiksi la piedon, *piedingo*; rado provizita per mekanismo, kiu movas ĝin nur laŭ unu senco, *libera rado*; turni la pedalon en senco kontraŭa je la kutima, *retropedali*. Ilo, kiun oni muntas sur bicikleto por mezuri la laŭirintan vojon, *ciklometro*. Longo laŭirata dum unu rotacio de la akso de la krankoj, *rapidumo*. Veturi sur bicikleto, *rajdi*. Litseĝo aŭ hamako (foje kun kurtenoj kaj tegmento) portata de servistoj kaj uzata en orientaj landoj, *palankeno*. Orienta veturilo tirata per homa forto, *rikiŝo*.

**Movataj de bestoj. Rajdo.**—Esti portata sur la dorso de besto, precipe de ĉevalo, *rajdi*. Rajdantino, *amazono*. Rimena ilo

metata sur la kapo de rajdbesto, per kiu oni ĝin kondukas, *brido*. Remburita seĝo, kiun oni ligas sur la dorso de rajdbesto, per rimeno (nomata *ligrimeno*), *selo*. Kovrilo sub la selo, *ĉabrako*. Metala peco, kiu ricevas la piedo de la rajdanto, *piedingo*. Rimeno al kiu estas fiksita la piedingo, *piedinga rimeno*. Ŝtala duoncirklo kun pikilo, kiun la rajdanto fiksas ĉe la kalkanumo kaj per kiu li instigas la ĉevalon, *sprono*. Irado de la kvarpieduloj : kiam ili ne kuras, *paŝo* ; plejrapida, *galopo* ; meza, *troto* ; kiam ili levas samtempe la piedojn de unu flanko, *amblo* ; urso, kamelo, ĝirafo kaj unu speco de ĉevaloj, *amblas*. Pri ĉevalo, kiu subite kaj forte streĉas posten siajn postajn krurojn, *stampfi*. Lernejo por rajdi, *manego* ; ĝi havas sablan, korkan, molteran plankon. Ejo por rajdado, por vetkurado, *hipodromo*. Servisto, kiu rajdas en vetkurado, *ĵokeo*. Aro da personoj kune rajdantaj por plezuro, *kavalkado*.

**Movataj de bestoj.**—Durada veturilo, aŭ transportilo, *ĉaro*. Ĉaro de la antikvaj romanoj al kiu oni jungis kvar ĉevalojn, *kvadrigo*. Ĉareto puŝata de homo, *puŝĉaro*. Du— aŭ kvarrada kunrisorta, ĝenerale kovrita veturilo, *kaleŝo*. Durada unuĉevala kaleŝo malfermita ĉe la antaŭa parto, kaj provizita per leda faldebla kovrilo, *kabrioleto*. Malpeza malkovrita kaleŝo sen pordetoj, *faetono*. Luebla kaleŝo (antikve uzata por la hotelo St. Fiacre, de Parizo), *fiakro*. Duĉevala kaleŝo, *kariko* ; duĉevala, sed kun unu ĉevalo post la alia, *tandemo*. Ia fermita kvarrada dusideja veturilo, *kupeo*. Malpeza durada veturilo kun risortoj, *kariolo*. Angla veturilo, kies veturigisto sidas malantaŭe, *kabo*. Speco de rusa fiakro, *droŝko*. Glitveturilo, *sledo*. Kovrita publika veturilo, *omnibuso*. Omnibuso, kiu regule iras de urbo aŭ vilaĝo al alia, *diliĝenco*. Oficisto kontrolanta biletojn en omnibuso, *konduktoro*. Kaleŝkondukisto, *koĉero*.

Ĉe veturilo, horizontala stango kiu kunligas ĉiun paron da radoj, *radakso* ; speco de kofro, kie estas la sidlokoj por la veturantoj, ĉefa parto de la kaleŝo, *kofro, kaleŝkorpo*. Elasta sistemo lokita inter la radakso kaj la kofro por estingi la tremadojn kaj la frapojn kaŭzitajn de la rulado, *pendigilo*. Munti kofron sur pendigilo, *pendigi*. La antaŭa parto, elprenebla aŭ ne, ĝenerale direktebla, kiu enhavas la antaŭan duon da radoj, *antaŭĉaro*. La posta parto, malmuntebla de veturilo, *postatrajno*. Supro de veturilo kun sidlokoj, *imperialo*. Mekanismo por haltigi veturilon, *bremso*. Peco kiu bremsas, kiu premas la radon, *bremsoŝuo*. Skua movo de halto aŭ subita ekiro, *ekskuo*. Ĉiu el la rimenoj aŭ ŝnuroj, per kiuj ĉevalo tiras de la veturilo, *tirrimeno, tirŝnuro*. Alligi bruton al la tirota veturilo, *jungi*. Longa ligna peco per kiu oni jungas du brutojn, *timono*. Ĉiu el la du stangoj,

kiuj estas flanke de jungita besto, *flanktimono, brankardo*. Ilo konsistanta el ŝnuro aŭ rimeno alligita al ligna tenilo, kaj uzata por instigi la jungitan ĉevalon, *vipo*. Ilo por sublevi veturilon kaj ebligi riparon, *levmaŝino, ĉarlevilo*.

**Movataj de motoro.** — Kaleŝo movata de motoro, *aŭto, aŭtomobilo*. Aŭtomobila omnibuso, *aŭtobuso*. Ĉe aŭtomobilo, la mekanika parto, *ĉasio*; la cetero, *kaleŝaĵo*. La rado per kiu oni direktas aŭtomobilon, *direktilrado*. Senkolora facile ekbruligebla fluidaĵo, produktata el kruda petrolo kaj uzata por movi aŭtomobilon, *benzino*. Aŭtomobilejo, *remizo*. Profesia kondukisto de aŭtomobilo, *ŝoforo, aŭtisto, motoristo*. Vojo laŭirata de veturiloj marŝantaj nur laŭ unu direkto, *korso*.

Surrela veturilo, *vagono*. Vapormaŝino por tiri vagonojn, *lokomotivo*. Vagono sekvanta la lokomotivon kaj portanta hejtaĵon kaj akvon, *tendro*. Aro konsistanta el lokomotivo, tendro kaj kelkaj vagonoj, *vagonaro, trajno*. Speciala vagono por ricevi transportaĵojn, *ŝarĝvagono*. Plata ŝarĝvagono, *platvagono*. Rapida vagonaro, kiu nur haltas en ĉefaj stacioj, *ekspreso*. Oficisto kontrolanta biletojn en vagonaro, *konduktoro*.

Parto de vagono apartigita de la aliaj partoj, kaj kun aparta pordo, *kupeo* (estas kupeoj por fumantoj, por sinjorinoj, k. a.). Sistemo provizita per fortaj risortoj, kiun oni muntas ĉe la ekstremoj de la vagono por estingi la interfrapadon, *bufro*. Ujo kun sablo por ellasi tiun-ĉi sub la radoj kaj malhelpi ilian glitadon sur la reloj, *sablilo*. Elstaraĵo, kiu ĉirkaŭas la randon de rado kaj kondukas ĉi-tiun sur la relo, *randelstaraĵo*. Mallonga ĉaro kvarrada, kiu portas la antaŭan kaj postan parton de vagono aŭ lokomotivo, *boĝio*.

Surrela omnibuso, *tramo*.

**Vojo.**—Loko speciale preparita por iri sur ĝi, *vojo*. Parto de v. rezervata por la iro de veturiloj kaj bestoj, *ŝoseo*; por la iro de personoj, *trotuaro*. Malprofunda kavaĵo kun iom klinaj bordoj ĉe la flankoj de ŝoseo aŭ inter ŝoseo kaj trotuaro por elfluigi la akvojn, *defluejo*. Defluejo de strato, *stratkanaleto*. Amaso da teraĵoj farita por plialtigi vojon, *vojremparo, taluso*. Bedo el tero lasita sur ĉiuflanko de v., *vojbordo*. Loko kie sin sekcas du v-j., *kruciĝo*; kie sin sekcas multaj, *disforko, forko*. Plano pri la v-j. laŭirotaj dum vojaĝo, *vojplano*. Loko kiu helpas por retrovi alian, *gvidloko*. Kavaĵoj faritaj de la radoj de veturiloj en nesufiĉe firma v., *vojsulkoj*. Kurba parto de v., *virejo*. Cirkla v., *cirkuito*. Irejo speciale difinita por kurado, *dromo*; por ĉevalkurado, *hipodromo*; por velocipedo, *velodromo*. V. kun vico de arboj en ĉiu flanko, *aleo*. Vidu «vojon», sur la paĝo 129a.

Vojeto en montoj, nur irebla per muloj aŭ piede, *mulvojeto*. V. super rivero, kanalo, kavaĵo, *ponto*. Alta ponto, ofte el pluraj vicoj de arkadoj, *viadukto*. Ĉiu el la kolonformaj konstruaĵoj, kiu staras sur ĉiu flanko de ekstremo de ponto, *pilono*. Fortika masonaĵo konstruita ĉe la ekstremoj de pontaj arkoj por kontraŭstari la puŝegon de tiuj-ĉi, *abutmento*. Ponto kies ĉefa parto elstaras el la porta bazo super loko kie oni ne povas starigi subportilon, *kantilevera ponto*. Ponto, kies planko apogas sur fostoj starigitaj en akvo, *fosta ponto*. Ponto kies planko estas tenata pende de ambaŭ ekstremoj per metalaj kabloj, *penda ponto*. Ponto kies planko estas levebla vertikale por neebligi la transiron sur ĝi, *levponto, levebla ponto*. Ponto turnebla por liberigi pasejon al ŝipoj, *turnponto*.

Subtera galerio por v., precipe por *fervojo, tunelo*. Enirejo de tunelo, *faŭko*.

Artefarita akva defluejo, *kanalo*. Konstruaĵo por transkonduki akvon kanale aŭ per tubo, *akvokondukilo*. Ponta akvokundukilo, *akvedukto*. Provizi per kanaloj, *kanalizi*. Kanalo aŭ fosaĵo por malpuraĵoj kaj ekskrementoj, *kloako*.

Homo, kiu kun la helpo de aplikita matematiko kondukas kaj direktas la konstruadon de vojoj, pontoj, k. c., *inĝeniero*.

**Fervojo.**—Fera ŝtala trabo sur kiu ruliĝas iaj veturiloj, *relo*. Relo, kies profilo similas la literon U, *urelo*; similas la literon T renversitan, *torelo*; estas kvadrato, *kvadrata relo*; estas konkava supren (por tramoj), *tramrelo*; estas bulbforma, *bulbrelo*; havas du bulbojn, *dubulba relo*. Interna parto, malplena aŭ ne, laŭ la akso de iaj reloj, *animo*. Trabo sur kiu estas fiksitaj la reloj per portiloj, *sojlo*. Amaso da ŝtonoj metitaj sub kaj inter la reloj kaj la sojloj por subteni ilin, *balasto*. Kiam la du reloj ne kuŝas sur sama horizontala ebeno, ili estas en *deklivo*. Angulo de la deklivo, *dekliveco*. Kiam la deklivo ne estas laŭ la longo de la vojo, sed perpendikle al tiu direkto, kiel okazas en la kurbaj partoj de la v., *transversala deklivo*. Loko kie relvojo disiĝas el du novaj vojoj, *relforko, disrelejo*. Relvojo por vagonoj, *fervojo*; por tramoj, *tramvojo*. Vojo flanka, sur kiu oni haltigas veturilojn por lasi la ĉefan relvojon libera por preterpasontaj veturiloj, *evitvojo*. Direkti veturilon sur nova relvojo, *komuti, relkomuti*. Pinta rela peco movebla, kiu en relforko pasigas veturilon sur la dua vojo, *relkomutilo*. Libro kie estas enskribitaj la horoj de veturado de la vagonaroj, *fervoja horaro*. Diskforma aŭ kvadrata signalo, kiu sciigas antaŭ stacidomo ĉu la vojo estas libera, *disko, signaldisko*. Ne permesi la preteriron de vagonaro sur vojo ne libera, *bloki*. Sistemo laŭ kiu oni dividas la fervojon en partoj, en kiuj vagonaro ne povas penetri antaŭ

ol la foriro de la antaŭa vagonaro, *bloksistemo*. Ilo por optikaj signaloj sur f., *semaforo*. Loko kie vagonaro aŭ tramo haltas por preni aŭ lasi vojaĝantojn, transportaĵojn, *stacio*. Stacia domo, *stacidomo*.

MARVETURO.—**Korpo de la ŝipo.**—Akvoveturilo, *ŝipo*. Antaŭa parto de ŝipo, *ŝipantaŭo, pruo*; posta parto, *postaĵo, poŭpo*; dekstra flanko, signalata nokte per verda lumo, *verda flanko*; maldekstra, signalata per ruĝa, *ruĝa flanko, babordo*. La ŝ. sen mastoj, la korpo de la ŝ., *ŝipkorpo*. Trabaro de la ŝ., *skeleto*. Malsupra ĉeftrabego, iranta de la pruo ĝis la poŭpo, kaj sur kiu sin apogas la tuta ĉarpentaĵo, *kilo*. Ĉiu el la flankaj kiloj por malhelpi la ruladon, *rulkilo*. Relo kun bulba profilo speciala por kiloj, *kilbulbrelo*. Ĉiu el la flankaj pecoj, kiuj formas la ŝipkorpon, *ripo*. Malsupra parto de la ripoj kunigitaj kun la kilo, *varango*. Kunligaj pecoj de la ripoj, *stringoj*. Parto de ŝ., kiu troviĝas ĉe la antaŭo de kilo, *antaŭkilo*. Kurba peco, kiu kunligas la antaŭkilon kun la kilo, *grajpo*. Posta parto de la kilo, *postkilo*. Ligna aŭ fera peco, kiu kovras la kilon, *karlingo, kilsono*. Aro de la pecoj, kiuj formas la antaŭon de la ŝ., *steveno*. Fortika peco ĉe la postaĵo de ŝ., kaj kiu portas la direktilon, *posta steveno*. Truo, tra kiu trapasas la ŝipon akso de direktilo, *akstubo*. La rado per kiu oni movas la direktilon (pere de ŝnuro aŭ ĉeno volvita sur tiu rado kaj nomata *droso*), *direktilrado*. Ilo lokita apud la direktilrado kaj montranta la pozicion de la direktilo en ĉiu momento, *aksiometro*. Longa trabo, kiu trairas ŝipon kaj kunligas la du opozitajn flankojn por plifortigi ilin kaj subporti la ferdekon, *baŭo*; posta, antaŭa kaj ĉefa aŭ meza tratrabo, *posta, antaŭa* kaj *ĉefa baŭo*. Interna parto de la ŝ., ŝipkelo, *holdo*. Tute fermita kamero en kiu estas akvo por doni staremon al ŝ., *balastakvujo*. Fako de la holdo, kien oni metas la karbon por la ŝ. kaj aliajn provizaĵojn, *holdfako*. Ia parto de la holdo, *bilĝo*. Planko kovranta la holdon aŭ formanta super ĝi etaĝojn, *ferdeko*. Kurbeco de la ferdeko, *tonto*. Ferdeko, kiu troviĝas tuj super la holdo, *orlopferdeko*. Intera ferdeko sub la ĉefa ferdeko, *interferdeko*. Subporta stango lokita inter la ferdeko, *ferdeksubportilo*. Parto de la supra ferdeko ĉe la antaŭo de ŝ., *teŭgo*. Loĝejeto sur la ferdeko, *rufo*. Loĝejo fermita sur la posta parto de ŝ. per ferdeketo starigita super la ferdeko, *surpupo*. Ĉambreto de ŝ., *kajuto*. Borderaĵo fiksita ĉe la supro de la ŝipkorpo, *pavezo*. Aro de metalaj platoj (kupraj aŭ zinkaj) fiksitaj sur la ekstera supraĵo de la ŝipkorpo, *ŝipŝelo, metalŝelo*.

**Mastoj kaj ŝnuroj.**—Longa ligna peco staranta sur la ŝ., *masto*. Horizontala plataĵo lokita ĉe la supro de la unua parto de m.,

*topo*. M., kiu estas super topo, *topmasto*. M., kiu plilongigas la topmaston, *brammasto*. Masteto uzata por plilongigi maston, *bumo*. Longa stango per kiu oni streĉas diagonale ortangulan velon jarditan sur m., *sprito*. Sprito oblikva ĉe la pruo, *busprito*. Bumo de la busprito, *bumbusprito*. M., kiun oni uzas por enŝipigi komercaĵojn, provizaĵojn, *stivmasto*. Ŝ., kiu tenas bumbuspriton, *martingalo*. Stango per kiu oni streĉas ŝnuron, sur kiu oni apogas maston, *steo*. Steo de la martingalo, *martingalsteo*. Ŝnurego fiksita sur la supro de m. kaj sur la ŝipo por fortikigi la maston, *vanto*. Loko de la m. ĉe kiu estas alligitaj la vantoj, *ĉapumaro*. Plilongigaĵo de vanto, kiu streĉas tiun-ĉi sub la plato, *kadeno*. Streĉi ŝnuron, *haŭli*. Ŝ. streĉita, kiu plifortikigas maston, *stajo*. Fortika ŝ., kiu konsistas el kelkaj ŝnureroj (nomataj *kordonoj*), *haŭsero*; el kelkaj haŭseroj, *gerleno*. Ĝenerala nomo de ŝnuregoj, *kablo*. Kablo por treni ŝipon, *trenkablo*. Kanaba ŝ. konsistanta el du kuntorditaj ŝnureroj, *merleno*; el du aŭ tri, *ŝpinito*. Maldika ŝ. tre zorge kuntorditaj, *lineo*. Speciala ilo por fiksi ŝnurojn aŭ ĉenojn sur ŝipo, *bito*. Fera ringo, kies rando havas foldon por ricevi ĉirkaŭantan ŝnuraĵojn, *ringo*. Ŝnurego per kiuj oni ĉirkaŭas iajn objektojn, *stropo*.

**Veloj.**—Granda tola tuko, kiun oni streĉas sur masto por kapti la venton, *velo*. Ŝnuro, kiu borderas velon, *raliko*. Ŝnuro, kiu fiksas la malsupran angulon de v. je la malventa flanko de ŝipo, *halso*, *ŝkoto*. Ŝnuro fiksita sur la mezo kaj du flankoj de v., kaj kiu servas por devigi ĝin oblikviĝi kaj akcepti la venton, *buleno*. Ligna stango al kiu estas faksita la v., *jardo, velstango*. Larĝo de la vela parto fiksita sur la jardo, *enverguro*. Fortika ŝnuro, kiu tenas la mastojn kaj la jardojn aŭ per kiuj oni movas la velojn kaj la jardojn, *ŝnuro*. V. fiksita sur stajo, *stajvelo*; sur topmasto, *topvelo*; super la topvelo, *bramvelo*. Plejsupra kvadrata v., *reĝvelo*. Kvarlatera v., *aŭrika velo*. la triangula v. ĉe la supro de masto, *latina velo*. Triangula v. ĉe la pruo, *ĵibo*. Antaŭa ĵibo, *forĵibo*. Ĵibo de la stajo de la topmasto, *topstajaĵibo*. V. post la posta masto, *brigvelo*. Peco de v. per kies aldono oni plilongigas alian velon, *bonedvelo*.

**Ankro.**—Fera ilo ĵetata en la akvon por fiksi la ŝipon, *ankro*. A. konsistas el *ringo* (per kiu ĝi estas alligata), *kruco*, *trunko* (inter la kruco kaj la ŝtoko), kaj *ŝtoko* (fera vergo transversala per kiu la a. sin fiksas ĉe la fundo de la maro). Fera aŭ ligna trabo al kiu oni pendigas aŭ hisas ankron, *ankropendigilo*. Hoko per kiu la ĉeno de la a. estas alligata ĉe la fundo de la holdo, *ĉenhoko*. Ilo por alfiksi la ankron al la ankroportilo, *katilo*. Horizontala kapstano por la ĉeno de la a., *vindlaso*. Ilo uzata per enlokigi ankron sur la flanko de ŝipo,

*fiŝilo*. Faŭko de la pruo tra kiu pasas la a., *kluso*. Ankreto, kiun oni portas al iu distanco de la ŝipo laŭ okaze, *varpankro*. Ankreto kun kvar brakoj, sen kruco, *graplo*.

**Aliaj objektoj.**—Ornami ŝipon per *flagoj*, tio estas, per pecoj de koloritaj toloj fiksitaj sur ŝnuroj ĉe la mastoj, *flagi*. Mallarĝa pinta flago, kiun oni hisas sur la topmasto, *flageto*.

Balailo el ŝnuroj por lavi la plankon de ŝipo, *ŝuabrilo*.

Mezurilo de la rapideco de ŝipo, *logo*. Parto de la logo, kiun oni ĵetas en la maron, *logŝipo*. Ŝnuro al kiu estas alligita la logŝipo, *loglineo*.

Takelo, per kiu oni levas ĝis la jardo la parton de velo kiun oni refas, *reftakelo*. Pezaj materialoj (kiel sablo, ŝtonoj, k. a.) per kiuj oni ŝarĝas ŝipon por ke ĝi konservu ekvilibron, *balasto*. Sonora avertilo uzata dum la nebulaj veteroj kaj konsistanta el sireno movata per aero aŭ per premegita vaporo, *sireno*.

**Konstruo de ŝipoj.**—Ligno uzata por konstrui ŝipojn, *lariko*, *pino*, k. c. ; por ŝipmastoj, *damaro*. Pezo de la ŝ., tio estas, de la akvo dismetita de la ŝ., *dismeto*. Punkto kie pasas la rezultanto de la puŝaj fortoj de la akvo sur ŝ., *puŝocentro*. Volumeno de la interna volumenaĵo de ŝ., *tonkvanto, tonaĵo*. Linio, signo montranta la plejaltan punkton, kiun atingas la akva nivelo kiam la ŝ. estas taŭge ŝarĝita, *floslinio, flossigno, flosnivelo*. Parto de ŝ., kiu estas sub la floslinio, *kareno*. Distanco de la kilo ĝis la supraĵo de la akvo, *enakviĝo*. Ŝtopi fundojn de ŝ. per stupo kaj gudro, *kalfatri*. Glitigi sur akvon ĵus konstruita ŝ., *lanĉi*. Provizi ŝipon per mastoj, *mastumi*. Argano por mastumi grandajn ŝipojn, *mastargano*. Provizi ŝipojn per ĉiuj necesaj ŝnuroj, pulioj kaj veloj, *rigi* ; per ĉiuj iloj necesaj por ĝia uzado, *armi*. Levmaŝino por tre pezaj ŝarĝoj, uzata por armi ŝipojn, *boko*.

**Klasoj de ŝipoj.**—Simpla senferdeka ŝ., *barko*. Barko kun pinteformaj ekstremaĵoj uzata por ĉasi balenojn, *balenbarko*. Malpeza barko kun plata fundo uzata por la fiŝkaptado, *dorisbarko*. Malgranda malpeza barko kun remiloj kaj velo, *boato, kanoto*. Nesubmergebla boato, speciale konstruita por savi la homojn sur maro, *savboato, savŝipo*. Boato farita per arba trunko kavigita aŭ per ledaj pecoj kunkudritaj, *pirogo*. Unumasta rapida plezura ŝ., *kutro*. Unumasta bordŝipeto kun latina velo, uzata sur la Mediteranea maro por fiŝkaptado kaj komerco, *tartano*. Unumasta ŝipeto servanta grandan ŝipon, *ŝalupo*. Dumasta ŝ., kies veloj estas kvadrataj, *brigo* ; kies velo de la plejgranda masto estas trapeza, *goeleto* aŭ *skuno* aŭ *ŝunero*. Stango, kiu

# U. E. A. EN LONDONO KAJ VIENO

Okaze de voĉdono por translokiĝo de Universala Esp.-Asocio, oni decidis, ke ĝi estu translokita al LONDONO (Anglujo) kaj ĝia nova adreso estas: Centra Oficejo de U. E. A., 142, High Holborn, London. W. C. 1. Direktoro, S-ro Cecil C. Goldsmith. Kien oni devas de nun, adresi ĉiajn aferojn por U. E. A.

Hispana Esperanto-Asocio profitas la okazon por saluti la novan Direktoron de U. E. A., dezirante samtempe grandajn sukcesojn por la Esp-movado, al S-ro Goldsmith.

La ampleksa libraro de U. E. A., konsistanta proksimume el 8.000 volumoj kaj publikaĵoj en aŭ pri Esperanto, translokiĝas, laŭ decido de UEA-Estraro, al Wien, kie ĝi fariĝos fako de IEMW kaj estos tiamaniere kiel parto de la mondfama ŝtata Nacia Biblioteko por eternaj tempoj konservata, sekurigita kaj al la uzantoj ne pli malfacile atingebla ol ĝis nun. La biblioteko de U. E. A., veninte Vienon, ne dissolviĝos en la biblioteko de IEMW kaj kunfandiĝos kun ĝi, sed prezentos por ĉiam kiel «Biblioteko de U. E. A.» apartan, en si fermitan tuton: ĉiu ŝranko kun ĝiaj libroj portos la ŝildeton «UEA». La Internacia Esperanto-Muzeo, kies librostoko unuigas hodiaŭ 7.000 volumojn kaj 1.000 jarkolektojn de diversaj gazetoj, fariĝos tiamaniere post la enkorpigo de la biblioteko de U. E. A. kun ensume 16.000 registritaj Esperantaj publikigaĵoj *la plej granda Esperanto-biblioteko en la tuta mondo.*

Pri tiu decido la Estraro de U. E. A. dum sia paska kunsido en Genève sciigis la Protektoron de IEMW, S-ron Federacian Prezidanton de Aŭstrio, Willhelm Miklas, kiu, la 23-an de aprilo konfirmigis la skribaĵon per sincera esperanteverkita letero.

Por povi bone enlokigi la bibliotekon de U. E. A. ricevos IEMW (Internacia Esperantista Muzeo de Wien) en la Nova Imperiestra Kastelo aldonan ĉambregon, kiu estos transformita kaj adaptita je biblioteko kaj legejo. Estas espereble ke dank' al la favoro de la Registaro de Aŭstrujo jam dum la kongreso oni povos montri al la kongresanaro de IEMW en ĝia nova stato kaj funkciado.

---

—Ĉe egaluloj, kiu devas saluti unue?

—La plejbone edukita.

# EL «LA PALACO DE LA PERLOJ»

DE F. VILLAESPESA

Ĉu iu konas pri la Am'?
Estas la Am' senfina sven'
kvazaŭ langvora dormorav'
meze de l' floroj de l' ĝarden'
Ĉu iu konas pri la Am'?

Ĝi estas plenmistera brulo,
pro ĝi la lipojn premas ĝem',
iĝas timema la bravulo
kaj plej bravulon kaptas trem'.

Ĝi estas ebriiĝ' odor'
per kiu palas la vizaĝ'
ĝi estas palmo de la pac'
en la dezertoj de l' dolor'.
Ĉu iu konas pri la Am'?

Ĝi estas florumita vojo.
Nin forgesigas ĉi likvor'
pri ĉiu gloro kaj vivĝojo
ekscepte pri la ama glor'.

Ĝi estas pac' en la batal',
du en unuon fandas ĝi,
nuran feliĉon kiun al
Kredantoj, tere donis Di'.

Senmove resti, kaj l' okulojn
fermi por plene vidoscii.
Ekdormi sin sub kisobrulo;
sub kisobrulo rekonscii.

Ĝi estas blindiganta flam'
ĝi estas laŭ arbar-ĝarden'
vokanta nin al restfesten'.
Ĉu iu konas pri la Am'?

* * *

Ve, ĉiu konas pri la Am'
Estas la Am' kvazaŭ ĝarden'
kiun dolor' venenis jam
kie ne finas la ĉagren'.
Ve, ĉiuj konas pri la Am'.

Ĝi estas laŭ aspid' venena;
kapablas ĝi veneninfekti
la noblan bruston bonecplenan
kiu konsentis lin akcepti.

Pro ĝi perfidas nobla kor',
estas blindeco de l' abismo
kaj iluzi' de spegulismo
en la dezertoj de l' dolor'.

Ĝi estas ferma labirinto,
vivezilanta nin ĉiadar'
same ol la ŝippereinton
ekzilas el la viv' la mar'.

Ĝi, provokil' al la batalo,
esti duope suferant',
ĉagreno nura, sur tervalo,
kiun Di' donis al kredant'.

Estas ĝi daŭra dolorĝemo
kiu stertore puŝas jam
plej sanktan homon al blasfemo.
Ve, ĉiuj konas pri la Am'!

*Tradukis:* A. N. D.

Francisco de Villaespesa, la ĵus mortinta hispana poeto, naskiĝis 1879 en provinco Almería. En li kunfandas la plej delikata liriko francestila kun la plej arda araba erotiko. La supra poeziaĵo majstre prezentas, en la hispana originalo, la araban skemon *Kassida*.

# EKSTERLANDA KRONIKO

*La XI[a] «Olimpiaj Ludoj».*—Okaze de la Olimpiaj Ludoj de Berlino (aŭgusto 1936) la postkongresa komitato de la 23[a] japana Esperanto Kongreso sendis cirkuleron pledante ke Esperanto estu la «lingvo oficiala» de tiuj ludoj. Ĝi diras:

«La Olimpiaj Ludoj estas okazigotaj en diversaj landoj de la mondo. Ĉiufoje uzataj lingvoj estas diferencaj. En venonta fojo, la germanan. En pasinta fojo, la anglan. Se en Tokio, la afero estos tre malfacila.

»Por forigi tiun ĉi malagrablan baron de la lingvo estas nur unu rimedo. Tio estas nenio alia ol la alpreno de unu komuna lingvo. Kaj tiu ĉi komuna devas esti Esperanto, ĉar ĝi jam disvastiĝas en la tuta mondo, kaj progresas ĉiam pli kun granda rapideco en praktiko.

»Ni elkore petas, en la nomo de la XXIII[a] Japana Esperanto Kongreso, ke vi favoru klopodi pri la alpreno de Esperanto en Olimpiajn Ludojn por forigi la lingvan baron, kiu malhelpadas reciprokan interkomprenon de ĉiuj nacioj dum miloj da jaroj.»

Ni petas al ĉiuj esperantistoj partoprenontoj en la XI[a] «Olimpiaj Ludoj» atentu ĉi-tiun cirkuleron.

* * *

*Radio en Danlando.*—Por faciligi la propagandon de niaj danaj samideanoj, kiuj volas utiligi la radion kiel propagandilo, oni petas ke ĉiu esperantisto skribu en Esperanto al grava gazeto *Politiken* (adreso: Politiken, Kopenhago, Danujo), ke li deziras aŭdi per radio en Esperanto pri la danaj kulturo aŭ literaturo, pri agrikulturo, pri la turismo en Danlando, k. c. Estas necese ke *Politiken* ricevu leterojn amase.

* * *

*Japanujo.*—Oni starigis Societon de Orienta Kulturo (S. O. K.; adreso: Komagome, Dozaka, 326, Tokio) kun la celo diskonigi kaj disvastigi la japanan kaj orientan kulturon per Esperanto. Ĝi serĉas kunlaborantojn kaj agentojn.

Al la kunlaborantoj oni petas sendi al «Orienta Kulturo» (kvaronjara revuo, aperonta en julio) artikolojn pri historio, arto, folkloro, k. c. La agentoj, kiuj varbos subtenantojn aŭ abonantojn, havos 20 % da rabato en sia aliĝo.

* * *

*Nederlando.*—En Arnhem okazos la proksiman julion (6-16) internacia esperanto-kurso por la geoficistaro de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono, gvidata de S-ro Andreo Cshe, sen lernolibroj, sen hejma laboro, sen uzo de nacia lingvo. La lecionoj okazos matene de la 9[a] ĝis la 13[a]. Posttagmeze estos ekskursoj studaj kaj plezuraj, kaj vespere

amuzaĵoj. Pluajn informojn: Internacia Cshe-Instituto de Esperanto, Riouwstraat, 172, Den Haag, Nederlando.

* * *

*Brazilo.*—La regiona direktoro de la departamento de Poŝto kaj Telegrafo, ĉe la Federacia Distrikto de Rio de Janeiro, farigis kartonan ujon kun leterpaperoj, kovertoj, liniita papero kaj inksorbilo por la aerpoŝta korespondado. Notinde estas ke sur ĝiaj kovriloj estas skribitaj frazoj de propagando de la ĉefaj brazilaj produktoj en kelkaj naciaj lingvoj kaj en Esperanto.

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

NOVRICEVITAJ GAZETOJ.—*Informilo de la Ligo de katolikoj esperantistaj en Ĉeĥoslovakujo.*—Kvaronjara gazeto okpaĝa kun multaj ilustraĵoj. Redakcio: S-ro Aleŝ Berka, Brno V jircháfich, 8.—La numeroj 1ª kaj 2ª enhavas tre interesajn informojn pri la XVIIIª Tutmonda Kongreso de katolikaj esperantistoj okazanta la 4-8 aŭgusto 1936ª en Brno. La urba konsilantaro de la nomita urbo decidis protekti tiun kongreson kaj la Internacian Ekspozicion de Esperanto organizonta dum la sama monato aŭgusto, kaj subvencii la kongreson.

*Bulteno de la Adreslibro de Pollandaj Esperantistoj.*—Kvaronjara broŝuro, plibone ol gazeto. La unua kajero, kiun ni ricevis, enhavas la adresojn de 975 polaj esperantistoj kaj de 163 esperantaj gazetoj de la tuta mondo, iuj jam malaperintaj. La celo de la eldonado estas publikigi la 5.000-8.000 adresojn de polaj esperantistoj kaj liveri al tutmonda esperantistaro tutan laŭfake dividitan enciklopedieton esperantan informantan precize pri la nuna stato de nia movado, ĝia historio, literaturo, lernolibroj, vortaroj, gvidfolioj, k. t. p.—Adreso: Redakcio de la Adreslibro de Pollandaj Esperantistoj, Aleje Jerozolimskie, 101, Warszawa.

*Soveta lernejo.*—Organo de centraj komitatoj de kelkaj sindikatoj de edukistoj, laborantoj en lernejoj, k. t. p.—Adreso: Moskvo-Centro, Soliauka, 12. Grandformata revuo kun 36 paĝoj la numero 11-12 de 1935, kiun ni ricevis. Ĝi estas tre interesa por fakuloj.

* * *

GVIDFOLIOJ.—*Berno.*—La oficiala kontoro de trafiko (Bundesgasse, 18, Berno, Svisujo) eldonis turisman prospekton esperantlingvan pri la svisa ĉefurbo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj. Ĝi enhavas interesajn informojn kaj pli ol dudek artajn fotografaĵojn. Ĝi estas ricevebla senpage.

* * *

LIBROJ.—*Ĉu ĝi estas nur fabelo?*—La unua kooperativa libro en esperanta literaturo eldonata de Esperanta Eldon-Kooperativo (Al. Jerozolimskie, 101, Warszawa, Polujo). Tradukis Kpt Roman Dabrowski de la verko de Jan Wolski, kun 12 ilustraĵoj kaj muziknotoj XVI + 158 paĝoj kaj arta kovrilo. Prezo, 3 sv. fr. inkluzive sendkosto. Ĝi estas la plej bela romano soci-eduka por junularo, valorplena por edukistoj de ĉiuj landoj. Kelkaj neoftaj preseraroj ne senvalorigas la verkon.

*Ĉeĥoslovaka antologio.*—Redaktita de O. Gin kaj Stan Kamaryt. Eldonita de Literatura Mondo. Budapest.—468 paĝoj kaj 32 kun belaj ilustraĵoj. Formato 16 × 23. Tiu verko, la oka volumo de AELA 1935 estas aro de bonaj tradukoj ĉerpitaj el la ĉeĥoslovaka literaturo. Per tiuj rakontoj kaj poezioj ni konas la animon de ĉiu popolo kaj tiuj antologioj formos entute la homaran antologiaron, kiu nur esperante povas esti verkata. Ni jam havas la antologiojn belgan, estonan, svedan, hungaran, katalunan kaj ĉeĥoslovakan. Kiu sekvos nun?

Neriproĉebla teksto, inda je la antaŭaj antologioj.

## NEKROLOGO

Kun bedaŭro ni ĵus scias la subitan morton de la samideano Gregorio Martín, «la blindulo Gregorio», gazetvendisto de Cheste (Valencia), kie li diskriis esperante la naciajn ĵurnalojn kaj estis tre konata pro sia propaganda agado.

## —o—o— IO EL ĈIO —o—o—

### *LA MONEROJ*

En esperanta klubo oni pasigis la tempon per diversaj amuzaĵoj, kaj unu junulo proponis la jenan ludon:

—Mi havas monerojn en ambaŭ manoj. En unu, paran nombron; en la alia, neparan. En kia mano mi havas paran nombron?

—Tio estas facile divenebla—diris fraŭlino—se vi konsentas diri al mi la rezulton de ia aritmetika operacio.

La junulo akceptis kaj la fraŭlino sukcesis diveni. Kiamaniere?

* * *

## *LITERA TURO* (ne literaturo)




Anstataŭu ĉiu cifero 0 per vokalo kaj ĉiu cifero 1 per konsonanto el la vorto de la lasta horizontala linio.

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

* * *

## *SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO*

*Kisoj kaj manpremoj.*—Dek gesamideanoj, el ili sep knabinoj. Notu ke ĉiu adiaŭo estas unu manpremo, kaj krom tio, ĉiu kisadiaŭo konsistas el kvar kisoj.

Sendis ĝustan solvon: Amalia Núñez Dubús, el Pamplona.

*La prefiksoj.*—Redakti. Ekzekuti. Disciplino. Maleolo. Boluso.

* * *

## *DEZIRAS KORESPONDI...*

— Manuel Fernandes Almeida (rua Quebra Costas, 4, Coimbra, Portugal), fraŭlo 23-jara, helpanto de apoteko kaj flegisto. Kun fraŭlino hispana.

— Sarfatty Menaheb, privata oficisto, 23-jara fraŭlo (8, Dav, Dimitrijeviĉa, Skoplje, Jugoslovujo), kun 17-20-jara hispana samideanino.

# KATALUNA LIGO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

**Novaĵoj de Japanujo.**—La fervojestraro de la japana ŝtato decidis komenci multnombre la elektrigon de siaj fervojoj.

La unua linio elektrigota estas tiu, kiu kunigas Nu-Manzu kun Kobe, kiu estas 500-kilometroj longa. Oni esperas ke tiu-ĉi decido montros la grandegan paŝon donatan de la nomita ŝtato por plibonigi la fervojajn servojn.

La japanoj estas tre kontentaj pro tia decido, tial ke ĝi (laŭ ili diras) estas multe konvena ĉar la japanaj vagonaroj marŝas tre malrapide.

* * *

**Novaĵoj de Francujo.**—Oni kredas ke la fervojo estas la ĉefa afero de ĉiuj nacioj; certe ĝi estas la plejgranda, ne nur pro sia volumo, sed ankaŭ je la ekonomia vidpunkto, ĉar ĝia elvolviĝo absorbas preskaŭ ĉiujn sociajn branĉojn, ĉu komercaj ĉu industriaj. Pro tio ne estas strange ke ĉiuj homoj regantaj la destinojn de la nacioj dediĉu al tiu afero grandan atenton kaj penu por fortikigi la ekonomian vivon de la fervojaj kompanioj, helpante ilin ĉu per plialtigo de iliaj tarifoj, ĉu per redoneblaj antaŭpagoj post pli-malpli longa tempo, kiam iliaj elspezoj estas pligrandaj ol la enspezoj liverataj de la komercado, kiun ĝi elvolvas.

Regiono de ia ajn nacio, en kiu pro kulpo eble de la direkcio, aŭ pro maldiligento de kelkaj entreprenoj, aŭ pro kia ajn konita aŭ nekonita kaŭzo la fervojo malfortiĝas, estas regiono mortanta, siaj loĝantoj, industrio kaj komerco suferas multe kaj ne povas elvolvi siajn aktivecojn; samtempe iom post iom la enspezoj malpliiĝas kaj finfine oni devas forlasi senkuraĝe la fervojon, se antaŭ oni ne trovas la necesajn aktivajn esencajn rimedojn.

Pri tiu afero mi legis hazarde statistikon, kiun pasintjare publikigis franca ĵurnalo en sia fervoja rubriko, kiu pruvas la grandan atenton, kiun oni dediĉas en la najbara respubliko al ĉi-tiu grava problemo. La statistiko pritraktas la nombron de personoj vivantaj de la fervojo, enkalkulante, kompreneble, tiujn, kiuj vivas de industrio, kiu ŝajnas aparta afero ,sed fakte ĝi estas kunligata al fervojo.

La celo de tiu dokumento ne estis nur montri la gravecon de la fervoja industrio, sed ankaŭ rememori al la registaro ĝian devon zorgi pri la personaro kaj familioj vivantaj de tiu industrio.

Jen la kvantoj donataj de la nomita presaĵo:

Oficistoj de la ĉefaj kaj de la malgrandaj kompanioj, entute 475.000.

Oficistoj de la agentejoj kaj fervojpoŝtejoj, 57.000.
Laboristoj de fabrikoj de ĉiuspecaj vagonoj kaj lokomotivoj, 49.000.
Laboristoj por aranĝo de rompita materialo, 180.000.
Ministoj por ekstrakti la ŝtonan karbon por la vagonaroj, 41.000.

Entute, 802.000 laboristoj, kaj se ni konsideras ke ne ĉiuj estas fraŭloj, sed ke multaj havas edzinon kaj gefilojn, kaj iuj devas krome provizi siajn gepatrojn, ni povas kalkuli sen granda eraro kvar personojn po familio, tio estas tri milionoj da personoj vivantaj de la fervojo en Francujo. Se ni povus ekzameni la statistikon de aliaj nacioj, ni vidus ke en ĉiuj okazas la samon, tio estas, ke iliaj urbanoj vivas grandparte de la fervojaj entreprenoj, kaj pro tio, ke ĉi-tiu problemo priokupas nune multe al la homoj regantaj la naciojn.

JOSEFO M. COLL

* * *

**DU FERVOJISTOJ OFERDONITAJ**

La 9-an de la pasinta februaro okazis en la stacidomo de Córdoba la respekta kaj kora oferdono de la oficistaro de tiu sekcio al la inspektoro D. Arturo Eslava y García Conde pro lia rangaltigo al Administra Inspektoro en Seviljo.

La oferdono konsistis el arta arĝenta tabulo kun mahagona kadro kaj surgravuro kiu klare montras la sentojn de subrego kaj amo inspiritaj de li al ĉiuj oficistoj, dum la mallonga tempo de sia kunvivado.

En la festo ĉeestis reprezentantoj de la Kompanio M. Z. A. kaj «Andaluces» kaj multaj delegitoj de ĉiuj stacidomoj de la dirita Asocio. En la festo oni parolis longe, kaj respondis al la parolado S-ro Eslava kun videbla emocio.

* * *

La 27-an de la pasinta aprilo okazis en Madrido festenoferdono al S-ro Alfredo Armenta pro lia agado kiel prezidanto de la Generala Asocio, ofico, kiun li lasis antaŭ nelonge.

S-ro Armenta vidiĝis akompanata de multenombraj fervojistoj, kelkaj el ili estis alvenintaj eksprese el malproksima urbo de Hispanujo. Ankaŭ oni ricevis grandnombron da aliĝiloj al la festoj kaj ne estis eble la ĉeestado. S-ro Rafael Soler, per varmaj frazoj oferis la festenon kaj montris la grandan fervojan. S-ro Armenta respondis per parolado en kiu li analizis la problemon de la fervojoj, al kiu li havigis la gravecon, kiun li havas rilate ne nur kun la fervojistoj, sed kun lia Sparaĵo elspezita de la Asocio kun obligacioj de nia fervojo. Ambaŭ paroladoj estis varme aplaŭdigitaj. La organiza komitato de la du oferdonoj, invitis bonvolonte al nia bulteno. Ni gratulas kore lian ĝentilecon.

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL.—Torrecilla del Leal, 17 - Teléfono 71926